# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Februaro n-ro 2/2009

## ESPERANTO EN CHARQUEADA/SP

Samideano Guilherme Jardim, aktivulo en la urbo Charqueada/SP sendis al ni la jenan gravan informon: “Mi deziras informi, ke post longa informagado en nia regiono, mi kaj samideano Joaquim Camara da Silva sukcesis konvinki ĵurnalon “A Tribuna”, kiu atingas regionon kun 500 mil homoj, publikigi raporton pri Esperanto. Malgraŭ iuj frazoj, kiujn li prenis el mistera fonto (ekz. “mondo kun unu sola lingvo” – mi ĉiam menciis Esperanton kiel helplingvon), kaj malgraŭ tio, ke li misskribis mian nomon, tamen la artikolo estas favora kaj elstarigis la favoran nuntempan perspektivon de Esperanto. Eblas aliri ĝin per http://www.tribunatp.com.br/modules/news/article.php?storyid=1895.
Bonvolu skribi al la ĵurnalisto por gratulo aŭ mesaĝo: tedesco@tribunatp.com.br .”

## BRAZILAJ STRATOJ KAJ PLACOJ KUN ESPERANTONOMOJ

Aloísio Sartorato, aktivulo en Rio, kiu post multjara laborado por Esperanto nun sin dediĉas al informado, sendis al ni interesan sciigon. Nome, ke Samideano José Saraiva de Matos, el Salvador/BA disponigas dosieron prenitan el la Gvidilo de Brazila Poŝto, kiu listigas 96 stratojn, avenuojn kaj placojn en nia lando, kiuj nomiĝas “Esperanto” aŭ “Zamenhof”. Ĉiu povas peti de li la liston per la retadreso resgatesaraiva@ig.com.br . Kompreneble, konsiderante, ke ekzistas ĉirkaŭ kvin mil municipoj en Brazilo, tiu kvanto estas nepre pligrandigenda. Jen laboro por ni ĉiuj!

## BRAZILA ESPERANTO-LIGO ORGANIZAS DOSIERON DE PERIODAĴOJ EN BRAZILO, POR INFORMADO

El la Sekretario de Brazila Esperanto-Ligo ni ricevis la informon, ke nia institucio ekorganizis dosieron de gazetoj, ĵurnaloj kaj revuoj en Brazilo, kun la celo regule sendi al ili informojn pri nia movado. Ĉiu brazila Esperantisto estas petata sendi informojn pri tiaj periodaĵoj el sia urbo, laŭ detala slipo ricevebla de la Sekretario. Se oportune, oni rajtas sendi ekzempleron de la publikaĵo al la adreso de BEL: SDS Ed. Venâncio III-Sala 303, Brasília - DF, 70.393-900.

## ANGELA FARIA INTERVJUITA ĈE RADIO

La ĉefa motoro por organizado de la 44-a Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazos en la urbo Juiz de Fora/MG, de la 12-a ĝis la 17-a de julio 2009 estas Samideanino Angela Faria. Ŝi estas eksteordinare aktiva kaj entreprenema. Je la pasinta 12-a de februaro, ŝin intervjuis Radio Rio de Janeiro, en la Esperanta programo “Língua da Fraternidade”, pri la evento. Kaj ŝi petas, ke se aliaj aktivuloj sukcesos, ke gazetoj kaj radistacioj imitu tion, tiam oni bonvolu informi ŝin. Por stimuli la brazilan Esperantistaron partopreni la kongreson, ŝi invitas, ke oni vizitu la retejon http://44bke2009.blogspot.com/.

## ESPERANTO EM CHARQUEADA/SP

Guilherme Jardim e Joaquim C. Silva conseguiram que o jornal da região de Charqueada/SP, “A Tribuna”, publicasse material sobre o Esperanto. O diário, que alcança público de 500 mil pessoas, embora com pequenos deslizes, apresentou o assunto de modo muito positivo. Seria interessante a reação dos Esperantistas, pelo endereço eletrônico tedesco@tribunatp.com.br .

## LOGRADOUROS BRASILEIROS COM NOME “ESPERANTO”

José Saraiva de Matos, de Salvador/BA, disponibiliza lista de logradouros brasileiros com a denominação “Esperanto” ou “Zamenhof”. O material, retirado do Guia Postal Brasileiro, pode ser solicitado por meio de seu endereço eletrônico:

resgatesaraiva@ig.com.br.

Não seria cabível um esforço para aumentar essa lista?

## A IMPRENSA BRASILEIRA E O “ESPERANTO”

A Secretaria da Liga Brasileira de Esperanto informa estar organizando cadastro de jornais e revistas brasileiros para remessa de informações sobre o Esperanto. Pede-se a todos que enviem informações conforme protocolo a ser solicitado à Secretaria.

## ANGELA FARIA NO RÁDIO

Extremamente ativa na organização do 44º Congresso Brasileiro de Esperanto (Juiz de Fora, 12-17 julho 2009), Angela Faria foi entrevistada sobre o evento pela Rádio Rio de Janeiro, em 12 de fevereiro último. O programa semanal, de grande sucesso, “Língua da Fraternidade” tem importante repercussão local. Angela solicita que outros Esperantistas, na medida das oportunidades, contatem emissoras, com o mesmo fim.

BEL informas
Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br
Redaktas: Paulo Sergio Viana, Februaro n-ro 2/2009

## ESPERANTO EN MUZEO DE HOMEOPATIO

*http://www.jornalacidade.com.br/noticias/76557/da-familia-imperial-a-fidel-castro-homeopatia-para-todos.html.*
La ĉi-supra retadreso permesas, ke oni ricevu interesajn informojn pri Muzeo pri Homeopatio en Ameriko, unika institucio, kiu uzas Esperanton jam de pluraj jaroj. Ĝi jam publikigis popularigan verkon pri Homeopatio en la Internacia Lingvo. La ĉefa respondeculo pri tiu grava entrepreno estas la konata brazila Esperantisto kaj Homeopata kuracisto D-ro Izao Carneiro, el Ribeirão Preto/SP.

## UNU PLIA RENKONTO EN PARAIBA VALO: JAMBEIRO

Sergio da Costa Coelho, el la simpatia urbo Jambeiro, informas, ke la organizo de la proksima renkonto en la Paraiba Valo bone progresas. Li esperas akcepti multajn gesamideanojn unuafoje en sia urbo, je la 8-a de marto 2009, por unu plia tia evento, kiu jam estas tradicia en la regiona kalendaro. La adreso estas: "E. M.E.F. PROFª MARIA OLÍMPIA VIEIRA", R. WASHINGTON LUIZ, 267- JAMBEIRO – SP. La renkontejo disponas pri komputila projekciilo kaj mikrofonoj. La loka organizanto pretas informi detalojn de la renkonto per la retadreso serlho_007@yahoo.com.br. Ni kaptu la okazon praktiki la lingvon en amika etoso, dum agrabla dimanĉo!

## RADIO "CULTURA", EN LORENA, ALVOKAS ESPERANTISTOJN

Ĝenerale, en nia movado, Esperantistoj devas (foje per longa, obstina insistado) klopodado, konvinki amaskomunikilojn informi pri Esperanto kaj ties movado. Respondeculoj ĉe radistacioj, gazetoj kaj aliaj organoj ofte apenaŭ komprenas la gravecon de la Internacia Lingvo en la moderna mondo, kiam komunikproblemoj, malgraŭ teknologiaj atingoj, fariĝas premantaj.
Tamen, jen escepto: ĵurnalisto Evandro Luiz, direktoro de Radio Cultura, en Lorena, proprainiciate kontaktis la anojn de Lorena Esperanto-Klubo en la lasta monato januaro, por inviti ilin pli aktive partopreni la ĵurnalisman agadon koncerne informojn pri Esperanto. Post kunsido kun lokaj Esperantistoj, oni interkonsentis, ke la ĵurnalisma fako de Radio "Cultura" ĉiusemajne ricevos trafajn, oportunformatajn notojn pri la Esperantomovado, por dissendado en siaj programoj. Tiu bela konscio pri la rolo de Esperanto en la socio, ĉefe en la kadro de radistacio, kiu interesiĝas pri "kulturo", rezultis de antaŭa agado de la lokaj aktivuloj, kiuj dum jaroj ĉeestis la studion por informado pri Esperanto. Nuntempe, la parolistoj mem de Radio Cultura transsendos la informojn.
La anoj de Lorena Esperanto-Klubo grupe kunlaboros por provizi la materialon al la profesiaj radiĵurnalistoj – kaj la ĉefa fonto estos la grava informservo de Fabiano Henrique (Niterói/RJ), "Notícias Esperantistas", legebla interalie per la retejo de Brazila Esperanto-Ligo. Lorena Esperanto-Klubo petas, ke oni sendu krome apartajn informojn (kaj gratulojn!) al ĵurnalisto Evandro Luiz per la adresoj evandro@cultura1460.com.br kaj jornalismo@cultura1460.com.br.

## ESPERANTO NO MUSEU DE HOMEOPATIA

O Museu de Homeopatia das Américas, instituição única no gênero, usa o Esperanto em seus contatos, há anos, e já publicou obra de popularização da Homeopatia em Esperanto. O principal responsável pela instituição é o conhecido e ativo Esperantista, o médico homeopata Dr. Izao Carneiro, em Ribeirão Preto/SP.

## EM JAMBEIRO O PRÓXIMO ENCONTRO DE ESPERANTO DO VALE DO PARAIBA

Sergio C.Coelho, de Jambeiro/SP convida a todos os Esperantistas da região para o próximo encontro do Vale do Paraíba, em sua cidade, em 08/03/2009. O evento terá lugar no seguinte endereço: "E.M.E.F. PROFª MARIA OLÍMPIA VIEIRA", R. WASHINGTON LUIZ, 267- JAMBEIRO

## A RÁDIO CULTURA DE LORENA CONVIDA ESPERANTISTAS PARA COLABORAÇÃO

Habitualmente, os Esperantistas se esforçam para convencer os meios de comunicação a promoverem o Esperanto. Desta vez, demonstrando atilada compreensão, o Jornalista Evandro Luiz, da Rádio Cultura de Lorena, tomou a iniciativa. Convocou Esperantistas da cidade para uma reunião, em que deixou claro seu interesse pela Língua Internacional e pela divulgação de seu movimento. Ficou acertado que os Esperantistas enviarão material de informação atualizado, regularmente, que a própria equipe jornalística da emissora se encarregará de transmitir, por meio de seus programas regulares.

O Clube de Esperanto de Lorena se mobiliza agora para manter os jornalistas providos de notícias, e pede a todos material adequado. Até agora, sua fonte principal tem sido o "Notícias Esperantistas", regularmente fornecidas por Fabiano Henrique, de Niterói/RJ. Mensagens de congratulações são benvindas ao jornalista Evandro Luiz: evandro@cultura1460.com.br e jornalismo@cultura1460.com.br.